# A K T U A L E

Monata informilo de Sovetia Esperantista Junulara Movado

N°6(21) ~~Majo~~ 1975
Majo-junio

## ESPERANTO VENKOS TRA SCIENCO

Ne estas neceso pruvi, ke ni vivas en la tempo de scienc-teknika revolucio. Tion scias ĉiuj, sed ni, esperantistoj, tion, bedaŭrinde, neglektas. La fakton pruvis absoluta manko de reeĥoj al mia anonco en "A" N°9(13), p. 83. Mi petis ideojn por laboro de la Scienc-Teknika fako (ST-fako) de SEJM. Ideoj ne venis, kaj mi komencis ilin kolekti pli perforte.

Jam okazis kunsidoj de esperantistoj-teknikistoj kaj sciencistoj en Tiĥvin (La 16-an de marto), Ĥarkov (27.III) kaj Leningrad (22.V), kiujn mi partoprenis bonokaze. Somere okazos similaj kunsidoj en Moskvo, Barnaul kaj SEJT-17. Estas jam kolektitaj sufiĉe multaj proponoj, tamen estus dezirinde antaŭ la planado kolekti pli da ideoj.

Per ĉi-artikolo mi alvokas esperantistojn-sciencistojn organizi en siaj urboj (ĉe grandaj kluboj) kunvenojn de E-sciencistoj kaj teknikistoj, kolekti ĉe ili ideojn kaj sendi. Notu ĉion, eĉ se ĝi aspektas iom fantazie. Sciencistoj soluloj skribu rekte al mi. La ĉefaj demandoj pridiskutendaj nun estas:

1) Kiel ni povus komenci enkonduki E-on en la sciencon kaj teknikon?

2) Kiujn laborojn ni entreprenu, kion konsideru?

3) Kion ĉiu povus fari por ĉi-afero persone?

Kaj nun mi skizu la skemon de la ST-fako. La fako konsistos el geesperantistoj laborantaj en scienco kaj tekniko. Kiel ĉie en E-kolektivoj estos aktivuloj kaj neaktivuloj. La aktivuloj gvidos aŭ plenumos diversajn laborojn de la fako, neaktivuloj - laŭpove subtenos. Se troviĝos kelkaj sciencistoj de sama fako ili fondos fakan sekcion.(Laŭ mi opinio jam eblas fondi medicinan, matematikan kaj kemian sekciojn.) Paralele al fakaj sekcioj laboros terminologia centro, jam gvidata de Saŝa Kogan (Tiĥvin), kaj aliaj eblaj centroj (ekz., tiu por propagando por Esperanto inter sciencistoj aŭ tiu tiu por subtena grupo por "Scienca revuo" ktp.). Kiel informilo aŭ organo de ST-fako servos scienc-teknika folieto en "Aktuale". En urboj, kie oni ne ricevas "Aktuale", kunlaborantoj de la fako ricevos scienc-teknikan folieton aparte.

Ĉiujaraj kunvenoj por la laborantoj en la fako okazos somere en SEJT kaj eble en BET. Aŭtune mi prezentos por pridiskuto kaj aprobo 5-jaran planon de laboro por la ST-fako.

Fine mi petas de miaj estontaj kunlaborantoj:

I. Kune kun la ideoj sendi al mi <u>adresojn de ĉiuj sciencistoj-esperantistoj</u> (sendepende de la aĝo) por adresaro.

II. Sendi la donitaĵojn pri ĉiuj scienc-teknikaj libroj kaj terminaroj, kiuj estas en viaj privataj bibliotekoj.

III. Ĉiam atenti en la sovetia preso, kaj trovonte eltranĉi por sendi al mi, materialojn pri lingvaj malfacilaĵoj, pri la lingva problemo en la scienco kaj tekniko.

IV. Kiuj venos al SEJT-17, nepre venigu kun si scienc-teknikajn E-librojn por ekspozicio.

Mi esperas, ke per ĉi-artikolo mi vekos aktivulojn, kiuj tuj skribos al mi pri la temo.

A.Gonĉarov, gvidanto de la ST-fako

KIEL ORGANIZI INSTRUADON EN PAROLIGAJ KURSOJ

Tre bona kaj tre grava estas la ideo organizi paroligajn kursojn dum konferenca periodo. Nia tasko estas uzi la tempon tiel, ke komencantaj esperantistoj ricevu kiel eble plej multe da utilo.

Laŭ mia opinio nuna instruado en paroligaj kursoj ne donas bonajn rezultojn, ĉar ĉiu gvidanto instruas kursanojn laŭ siajpropraj metodoj kaj temoj. Kursanoj de paroligaj kursoj povas paroli kun samgrupanoj, sed kun esperantisto el alia grupo interparolo ĝenerale ne okazas, ĉar ili studas diversajn vortojn kaj temojn. Forestas unu komuna gvidplano.

Por plifaciligi por komencantaj esperantistoj interkomprenon dum la tendara vivo mi proponas organizi la laboron tiamaniere:

Unue: Devas esti sola tema gvidplano por ĉiuj kursoj kaj por ĉiu tago. Mi pensas, ke la planon povas prepari niaj spertuloj de instruado B.Rogov, V.Noĉovkin, B.Kolker.

Due: Ĉiuj grupoj lernas je la sama tempo po 8 horoj dum la konferenca periodo kaj po 2-3 horoj dum la tendaro mem.

Trie: Uzi dum instruado anekdotojn (laŭ elekto de la gvidantoj), por ke kursanoj nepre rerakontu ilin. Tio ne nur interesigas, sed plifaciligas paroladon al la kursanoj.

Kvare: Ĉiutage kursanoj skribas po du kantoj konataj en la tendaroj.

Kvine: Ĉiuvespere organizi komunan kvazaŭ kontrolan lecionon-interparolon laŭ la ellernitaj temoj, gvidatan de la respondeculoj pri la kursoj. Estas dezirinde, ke ĝin partoprenu konferencanoj. Se estos eble, el bonparolantoj donaci E-memoraĵojn.

Sese: Post la komuna konversacio iniciativon prenas gitaristoj, kiuj organizas kolektivan kantadon, nepre ludante instruitajn kantojn.

Al mi ŝajnas, ke post kvin tagoj, se oni plenumos ĉiujn ses punktojn de la laboro, komencantoj estos preparitaj al la tendara vivo.

Pri la temoj. Ili ne devas esti tre vastaj, (ĉar troŝarĝo povas havi negativan rezulton) kaj ligitaj kun tendara vivo. Ekzemple, por la unua tago:

a) konatiĝo (ke ĉiu povu rakonti, demandi kaj respondi pri si mem, pri sia familio, studado, laboro);
b) manĝado;
c)anekdotoj;
d) kantoj;
e) kolektiva interparolo.

En aliaj tagoj: tempo, naturo, korpo, horloĝo, ĉirkaŭaĵo ktp.

En la paroligaj kursoj dum la tendaro necesas konatigi kursanojn kun la biografio de L.Zamenhof, SEJM kaj ĝiaj taskoj kaj alion.

Mi esperas, ke spertaj E-istoj helpos al novaj E-istoj kaj interesigos ilin pri Esperanto ~~kaj~~ tiel, ke ili fariĝos aktivaj esperantistoj - niaj fidelaj adeptoj de E-movado.

Z.Skvorcova (Kujbiŝev)

ESPERANTO KAJ LA SOCIO

Jen estis la temo de la renkontiĝo de ukrainiaj geesperantistoj, kiu okazis la 29-30-an de marto 1975 en la urbo Doneck. Tio estis serioza kaj afereca seminario de E-aktivuloj, dediĉita al la 30-a datreveno de la Venko.

Pri la soci-utila agado de doneckaj esperantistoj la ĉeestantojn informis la prezidanto de Donecka E-klubo k-do N.Starodubcev. Lia rakonto evidentigis al la gastoj (sume venis ĉ. 30 personoj el 10 urboj de Ukrainio) tiun fakton, ke Doneck kiel la tuta Donbaso estas

estas bastiono de esperantismo en la respubliko: ĉi-tie esperantistoj agas kunlaborante kun komsomolaj, partiaj kaj sociaj organizaĵoj, ricevante de ili efikan subtenon kaj helpon. En Donbaso en lernejoj estas farata granda kaj grava laboro bonvenigata de la organoj pri popola klerigo. Ĉi-tie esperantistoj aktive partoprenas la movadon de ĝemel-urboj: antaŭnelonge donecanoj sendis al magdeburgaj esperantistoj (GDR) ekspozicion de infandesegnaĵoj. En januaro la Ukrainia televido rakontis pri la Klubo de internacia amikeco "Globuso" (Voroŝilovgrad), aganta sur bazo de E kaj enhavanta 14 sekciojn kaj 360 membrojn. Doneckaj esperantistoj la unuaj en SEJM komencis histori-esploran laboron: por la Historia fako de SEJM ili ellaboras la temon "Eŭgeno Miĥalskij - poeto de la revolucio" (vd. "Amikeco"-n Nº7).

Antaŭ la partoprenantoj de la renkontiĝo elpaŝis reprezentanto de la Donecka distrikta packomitato A.F.Vorobjov, kiu rakontis pri la celoj kaj formoj de agado de sovetiaj pacbatalantoj kaj alvokis esperantistojn al kunlaboro. Estas interese, ke k-do Vorobjov mem lernis E-on antaŭ la milito, li konis nian grandan poeton E.Miĥalskij, kiu tiam organizis kontaktojn kun la respublika Hispanio. Parolis ankaŭ reprezentantoj de aliaj ukrainiaj urboj: J.Lupickij (Ĥarkov), V.Noĉovkin (Poltava), A.Sakoviĉ (Kievo) kaj aliaj. Pri la historio de E-movado en Doneck rakontis M.Belogolovskij.

La dua tago de la seminario pasis en la gastema urbeto Avdejevka, kie nin akceptis la Klubo de internacia amikeco ĉe PTU Nº 43. La E-laboron tie gvidas instruistino A.I.Vojnaroviĉ. Kun rememoroj pri la bataloj por liberigo de Donbaso elpaŝis la aŭtoro de Ĉi-linioj. Grandan intereson elvokis kunvetueigita de ĥmelnickanoj ekspozicio "Eminentuloj pri E" (20 portretoj kaj eldiroj). Necesas solvi la demandon pri ĝia multobligo por ĉiuj SEJM-kluboj! Okazis prezento de diapozitivoj pri Svedio (M.Lineckij) kaj malgranda E-koncerto.

Ankaŭ estis kunsido de aktivuloj, kie oni decidis ĉesigi aperigon de "Ukrainia informilo" kaj por informceloj uzi paĝojn de "Aktuale". Ĉiuj venis al unuanima decido, ke SEJM estas la sola aktiva organizaĵo, batalanta por evoluo de E-movado en nia lando. Necesas ĉielmaniere subteni ĝin kaj vaste propagandi la ideon ØØ pri "subtenantoj" inter veteranoj de la Movado. Por plibonigo de metodika inter E-instruistoj kaj plialtigo de la lingvonivelo estis proponite organizi antaŭ SEJT-17 ukrainian antaŭtendaron. Oni elektis 3-personan komitaton por koordini la laboron inter la SEJM-kluboj de la respubliko.

Estis esprimitaj opinioj, ke ĉiuj E-kluboj devas sekvi la ekzemplon de donbasaj esperantistoj en kontaktoj kun komsomolaj, partiaj kaj sociaj organizaĵoj, ke ili devas aktive kunlabori kun lokaj packomitatoj, organizi okaze de la 30 datreveno de la Venko renkontiĝojn kun veteranoj de la milito, kolekti materialojn por la rubriko en "Amikeco" "Esperantistoj en frontoj de la Granda Patria milito", traduki interesajn rakontojn en E-on. Aprobante la iniciaton de doneckanoj en kultur-esplora agado, necesas pli aktive subteni la laboron de la ØEJM Historia fako de SEJM. Ĉiuj kluboj estas petataj helpi al ĥmelnickanoj, kiuj esploras la temon "Militagento de la jarcento N.I.Kuznecov - esperantisto".

La materialoj de la Donecka renkontiĝo estas surbendigitaj de ĥmelnickanoj, kiuj proponas al ĉiuj esperantistoj interŝanĝi magnetofonajn bendojn kun informoj pri renkontiĝoj en Uralio, Centra Rusio, Cebaltio ktp.

A.Rogov (Ĥmelnickij)

MALFERMITA LETERO AL ĈIUJ SEJM-anoj

"... dum la lasta ukrainia renkontiĝo en marto 1975 oni decidis fondi Ukrainian regionon de SEJM-aktiveco kaj elektis Provizoran komitaton. Laŭ komisio de la komitato unu el ĝiaj membroj verkis la artikoleton, kiun mi sendas ĉi-kune por "Aktuale".

M.Belogolovskij,
prezidanto de la Provizora komitato

(El akompana letero)

Estimataj kamaradoj! Permesu komence gratuli vin okaze de la granda festo - Tago de Venko. Ni kuraĝas ankaŭ memorigi al vi, ke nun ekster Esperantujo paŝas la 1975-a jaro, tre riĉa pri diversaj okazintaĵoj: a) la supremenciita festo; b) la jaro de Virinoj; c) la venko en Vjetnamio ktp. Pri tio ni ĉiutage legas en diversaj periodaĵoj, ĉie krom en "Aktuale". Se diri pri la nuna enhavo de la SEJM-bulteno, do ĝin eblas nomi "preter la vivo", ĉar, trarigardinte ĝiajn numerojn de la 7-a ĝis la 3-a ĉi-jara, ni trovis nenion, kio koncernus eksteran agadon de SEJM-anoj.

Dum la lasta ukrainia renkontiĝo en Doneck ukrainiaj aktivuloj provis analizi kaŭzojn de la stagnado en la sovetia E-movado. Multon oni menciis. Certe, lokaj agantoj ofte misagas, verŝajne kondiĉoj ne ĉie estas konvenaj ktp. Sed necesas ankaŭ severe kritiki la SEJM-estraron. Kiamaniere ĝi preparis [illegible] renkonton de la glora datreveno de la Venko? Kie klubgvidantoj trovis direktivojn, instrukciojn pri necesaj kaj indaj agoj okaze de la ĉi-jaraj festoj? Estas nur unu respondo - nenie. Jen en "Aktuale" aperis propono de A.B.Rogov laŭdi aktivulojn de la Movado. Sed ĉu vi scias, ke Andrej Borisoviĉ mem estis militagento dum la milito, kaj ĉu sen lia kontribuo al la Venko povus ĝenerale ekzisti iu movado? Kie estas troveblaj materialoj pri partopreno de esperantistoj en la Patria milito? Kial ni tiom malmulte scias pri niaj veteranoj, pri la pasinteco de la Movado? Ĉu ne pro tio ni tiel ofte pridiskutas demandojn jam delonge solvitajn (ekz., tiu pri la problemo de neologismoj)?

E-movado estas soci-lingva fenomeno, do devas konformi al la socio de nia lando. Ĉu ne estas pli bone demandi nin, kion ni, sovetiaj esperantistoj, faris por la Ŝtato kaj jam poste postuli de ĝi ion - oficialiĝon, eldonaĵojn ktp.? Pripensu sincere, kion konkrete vi faris por la Paco, ŝajnas, ke tiu agado estas nura slogano. Ni ne deziras esti profetoj, sed sen sukoj de la vivo E-o mortos. Necesas tuj senprokraste reesplori nian tiel nomitan "agadon". Necesas ĉesi neseriozajn kriojn pri oficialiĝo en tutsovetia skalo, ĉar fakte ne estas kion oficialigi - la reĝo estas preskaŭ nuda. Anstataŭ tiuj revoj komencu ni seriozan soci-utilan laboron!

Kamaradoj, ĉesu ludi per "Esperantujo"! Post la apero de esperantismo pasis preskaŭ 90 jaroj, la mondo tute ŝanĝiĝis, sed esperantistoj daŭrigas idealistan memadmiran kunpreĝadon. "Rondo familia", "Esperantujo", "samideano", kantetoj pri "arbaroj" kaj "tendaroj" - ĉu estas konvenaj al la nuntempo? Ankaŭ necesas pripensi socian konsiston de la esperantistaro. Ĉu ne abundas ĉe ni homoj serĉantaj en E-o tempopasigon, ĉar ili pro diversaj kaŭzoj ne havas kion fari en la ĉiutaga vivo?

Resume ni volas atentigi estimatajn kamaradojn pri kreskanta malkontento kondukanta al krizo. Urĝe necesas ĉion pridiskuti dum la Konferenco anstataŭ aŭskulti tie tedajn raportojn pri loka "agado" de 40 kluboj. Ni ne opinias, ke troigis en la situacimontro - male, la reala stato de la Movado povas esti eĉ pli malbona.

Provizora komitato de URSA (Ukrainia regiono de SEJM- aktiveco)

## GRAVA PROPAGANDILO

Portreto
de
Jakub
Kolas

Эсперанто нужно поддерживать как благозвучный простой и легкий язык, как международный для практического использования многомиллионными массами трудящихся всех национальностей.

Якуб Колас

Dum la Donecka E-renkontiĝo (29-30.III.1975) partoprenantoj kun vigla intereso rigardis la ekspozicion "Grandaj homoj pri Esperanto", kiun venigis la Ĥmelnicka delegitaro. Ĉiuj rapidis kopii gravajn esprimojn (en la rusa lingvo) de diversnaciaj geniuloj pri la Lingvo internacia. Tie estis portretoj kaj citaĵoj de nur 20 famuloj (ni ja kolektis 65 esprimojn; portretoj mankas).

Kaj naskiĝis ideo: se ekzistus en SEJM foto-fako, oni povus multobligi la ekspozicion por 40 E-kluboj, aliĝintaj en SEJM.

Por varb-kompanjo ĝi ludus ne malgravan rolon!

Por ekzemplo mi aldonas specimenon de ekspozicia paĝo (en 1/4 de la amplekso).

## LISTO

de grandaj homoj, kiuj esprimis favoran opinion pri Esperanto

1. V.Lenin, la kreinto de la Soveta Ŝtato;
2. A.Lunaĉarskij, la 1-a klerig-komisaro;
3. F.Dzerĵinskij, prezidinto de ĈK;
4. L.Krasin, komisaro pri eksterlandaj aferoj;
5. M.Gorjkij, sovetia verkisto;
6. L.Tolstoj, genia rusa verkisto;
7. Jakub Kolas, belorusa verkisto;
8. Janka Kupala, " " ;
9. Janka Maur, " " ;
10. Ciŝka Gartny, " " ;
11. Zmitrok Bjadulja, " " ;
12. A.Kuĉar, belorusa kritikisto;
13. P.Kirĵencev, sovetia historiisto;
14. J.Erenburg, sovetia verkisto;
15. O.Donĉenko, ukraina verkisto;
16. V.Gĵickij, " " ;
17. O.Viŝnja, " " ;
18. P.Panĉ, " " ;
19. K.Ciolkovskij, la patrode sovetia kosmonaŭtiko
20. A.Berg, la patro de sovetia cibernetiko;
21. G.Titov, la kosmonaŭto-2;
22. N.Gribaĉev, sovetia poeto;
23. Janis Rajnis, latva verkisto;
24. M.Isakovskij, rusa poeto;
25. A.Fersman, sovetia sciencisto, akademiano;
26. O.Dosvitnyj, ukraina verkisto;
27. R.Brandt, rusa sciencisto-slavisto;
28. A.Elistratov, profesoro de M S Universitato;
29. P.Baĥmetjev, rusa fizikisto, biologisto;
30. Nazim Ĥikmet, turka verkisto komunisto;
31. Henri Barbusse, franca verkisto komunisto;
32. Romain Rolland, franca verkisto, akademiano;
33. L.Lumjer, franca inventisto de kino;

34.Ŝ.Ruŝe, franca akad. Nobelpremiita;
35.E.Errio, prezid. de Nacia franc. kunv.;
36. Jean Ĵores, socialista franca aganto;
37.EĴc Kotton, vicprezidanto de la Francia Scienca Akademio;
38.E.Bellin, la inventisto de bildtelegrafo;
39.Giskard d' Estaing, la prezidanto de Francio;
40.J.Broz-Tito, la prezidanto de Jugosl.;
41.Franc Jonas, " " de Aŭstrio;
42.Janos Kadar, " " de Hungar.;
43.Ho Ŝi Min, " " de Vjetn.;
44.J.Groŝkovski, la prezidanto de la Pola Scienca Akademio;
45.T.Kotarbinski, iama " " " " " ";
46.Upton Sinclair, usona verkisto;
47.Boduen de Kourtene, granda lingvisto;
48.August Forel, " " ;
49.Albert Einstein, genia sciencisto;
50.Jules Verne, franca verkisto;
51.Ivan Vazov, bulgara verkisto;
52.T.Pavlov, la prezidanto de la Bulgara Scienca Akad.;
53.Julian Tuwim, pola poeto;
54.Bernard Shaw, angla dramaturgo;
55.Akita Udzjaku, japana verkisto;
56.Lu Sinj, ĉina verkisto;
57.Max Halz, germana revoluciisto;
58.O'Espersen, profesoro, konata lingvisto;
59.F.Nitti, profesoro, iama ŝtatestro de Italio;
60.Max Muller, profesoro, angla filologo;
61. B.Mayor, prof. de la Kambridg'a universitato, elstara lingvisto;
62.Ant.Meje, franca lingvisto, membro de multaj Akademioj;
63.William Ramsay, genia angla fizikisto kaj kemiisto;
64.G.Lakeness, islanda verk.;
65.Sen Katajama, fondinto de la Japana komunista partio.

A.Rogov(Ĥmelnickij)

PROGRAMO
de la 17-a Sovetia Esperantista Junulara Tendaro
(projekto)

Tago 1 - 9.08.1975

7-8: Vekiĝo, matena gimnastiko ktp.
8-10: Matena kunveno, matenmanĝo
10-14: Regionaj kunvenoj
14-16: Tagmanĝo, komuna fotado
16-17: Instruado de novaj kantoj
17-19: Solena malfermo
19-20: Vespermanĝo
20-21: Libera tempo
21-24: Interkona vespero, fajro
24: Enlitiĝo

Tago 2 - 10.08.1975

7-8 : Vekiĝo, matena gimnastiko ktp.
8-10: Matena kunveno, matenmanĝo
10-13: E-Universitato; perfektiga lingvokurso
13-14: Libera tempo, sunbano
14-16: Tagmanĝo
16-17: Libera tempo, E-legejo
17-19: Prelegejo somera; tradukista kurso
19-20: Vespermanĝo
20-21: Libera tempo; ped.seminario
21-24: Aŭtora vespero de D.Lukjanec

Tago 3 - 11.08.1975

7-8: Matenaj kutimaĵoj
8-10 Matena kunveno, matenmanĝo
10-13: Esperanto-Universitato; perfektiga lingvo-kurso
13-14: Libera tempo, sunbano
14-16: Tagmanĝo
16-17: Fakaj kunvenoj: poezia, bibliografia, magnetofona
17-19: Mitingo, dediĉita al la 30-jara jubileo de la Venko
19-20: Vespermanĝo
20-21: Libera tempo; ped.seminario
21-24: Festo de naskiĝintoj

Tago 4 - 12.08.1975

7-8: Matenaj kutimaĵoj
8-10: Matena kunveno, matenmanĝo
10-15: Laboro por la Pacfonduso (sportkonkuroj inter "Oriento" kaj "Okcidento")
15-17: Tagmanĝo

17-19:Fakaj kunvenoj: korespo-nda, historia, radioamat.; prelegejo somera; tradukista kurso
19-20:Vespermanĝo
20-21:Libera tempo; ped. seminario
21-24:Orienta vespero kun nepra koncerto

Tago 6 - 14.08.1975

7-10:Matenaj kutimaĵoj, fiŝkaptista konkurso
10-14:Orientiĝo-konkuro; fiŝkaptista konkurso
14-16:Tagmanĝo
16-18:Konkurso pri turista tekniko
18-19:Fakaj kunvenoj: scienc-teknika, naturamika, gazetara; tradukista kurso
19-20:Vespermanĝo
20-21:Libera tempo; ped. seminario
21-24:Turista vespero

Tago 8 - 16.08.1975

7-10:Matenaj kutimaĵoj
10-13:E-Universitato; perfektiga lingvokurso
13-14:Libera tempo, sunbano, fiŝkaptado
14-16:Tagmanĝo
16-18:Neptun-festo
18-19:Kunordiga babilo de la fakestroj
19-20:Vespermanĝo
20-21:Libera tempo; ped. seminario
21-24:K G S

Tago 5 - 13.08.1975

7-10:Matenaj kutimaĵoj
10-13:E-Universitato; perfektiga lingvokurso
13-14:Libera tempo, sunbano
14-16:Tagmanĝo
16-17:Malfermo de hobi-ekspozicio
17-19:Prelegejo somera; tradukista kurso
19-21:Vespermanĝo, libera tempo; ped. seminario
21-24:Vespero de lumbildoj kaj filmoj

Tago 7 - 15.08.1975

7-10:Matenaj kutimaĵoj
10-13:E-Universitato; perfektiga lingvokurso
13-14:Libera tempo, sunbano, fiŝkaptado
14-16:Tagmanĝo
16-17:Konkurso de interpretistoj
17-19:Fakaj kunvenoj: kanta, lumbilda; prelegejo somera
19-20:Vespermanĝo
20-21:Libera tempo; ped. seminario
21-24:Okcidenta vespero (kun koncerto)

Tago 9 - 17.08.1975

7-10:Matenaj kutimaĵoj
10-13:E-Universitato; perfektiga lingvokurso
13-14:Libera tempo, sunbano
14-16:~~Oratora konkurso~~ Tagmanĝo
16-17:Oratora konkurso
17-20:Postkonferenca kunveno de la SEJM-konsilantaro
20-? :Vespermanĝo, maskobalo adiaŭa

Tago 10 - 18.08.1975

7-10:Matenaj kutimaĵoj
10-14:E-Universitato; perfektiga lingvokurso
14-16:Tagmanĝo, komuna fotado
16-18:Solena fermo
18: Forveturo

* * *    * * *    * * *

Al la esperantistaro en Sovet-Unio

KARAJ KUNFRATOJ-ESPERANTISTOJ!

Post la Granda Oktobra Socialisma Revolucio en 1917 la 9-a de majo 1945 estas la dua, laŭ graveco, evento en la monda historio. Kontraŭ la ĝisdente armitaj nazi-trupoj, kiuj similis al fajra lavango semanta morton kaj detruon kontraŭstariĝis la sovetaj homoj de ĉiuj generacioj. La amo al la socialisma patrujo multobligita per la malamo kontraŭ la faŝistaj agresuloj naskis amasan heroismon. Laŭ entuziasmo, laŭ amasa partopreno de la civitanoj la historio ne konas similan militon. Ĝi estis milito popola, milito sankta,

milito pri vivrajto por ĉiu paca, honesta, laboranta homo de la tuta planedo.

La heroecaj venkoj de la Soveta Armeo apud Moskvo, ĉe Stalingrado k.a. ebligis la frakason de faŝista sangavida bestaĉo en Berlino kreante favorajn kondiĉojn por liberigo de aliaj popoloj. La monda socialisma sistemo dinamike evoluanta en ĉiuj sferoj fariĝis altircentro por ĉiuj homoj kaj popoloj batalantaj por paco, libereco, demokratio.

Pro feliĉa hazardo la 70-a datreveno ekde fondiĝo de la Esperantista Societo "Vekiĝo" en la urbo Ŝumeno koincidas kun la 30-a datreveno ekde la historia venko fare de la soveta popolo super la faŝismaj agresuloj. La fondintoj kaj la unuaj funkciuloj de la esperantista societo en niaj urbojkaj distrikto estis homoj progresemaj, kun forta amo al la rusa popolo - duobla libe rigInto de Bulgario. La nunaj esperantistoj de Ŝumeno aktive partoprenas la konstruadon de evoluinta socialisma socio kaj estas sinceraj amikoj al la sovetaj homoj.

Salutante vin kaj vian sovetan popolon tutkore okaze de la 30-a datreveno ekde la granda venkotago super la faŝisma Germanio, ni deziras al vi bonan sanon, grandan feliĉon kaj novajn sukcesojn en la konstruado de komunismo, por inda plenumo de la decidoj de la 24-a kongreso de KPSU. Tiuj estos bonega bazo por starigo de plua hela perspektivo fa re de la antaŭstaranta 25-a kongreso de KPSU.

Estu eterna la rememorojpri la milionoj de pereintaj heroojdum la liberiga Granda Patruja Milito por la bono kaj feliĉo de ĉiuj popoloj en la mondo!

V i v u l a b u l g a r a - s o v e t a a m i k e c o !
V i v u l a g r a n d a S o v e t - U n i o - l i b e r i g a n t o d e l a p o p o l o j !

De Esperanta Societo "Vekiĝo", de Distriktaj Komitato por Defendo de la Paco kaj Komitato por Bulgara-Soveta Amikeco en la urbo Ŝumeno, Popola Respubliko Bulgario, la 9-an de majo 1975.

Transsendis M.Oĥotin (Krimeo)

## LINGVA EKSPERIMENTO - LA UNUA, SED NE LA LASTA!

Kiel scias ĉiu aktivulo-esperantisto (nek nur aktivulo) en Ufa funkcias koresponda kurso de Esperanto, gvidata de B.Kolker. Sperta Esperanto-instruisto, aŭtoro de la plej disvastiĝinta en Sovetunio E-lernolibro - li vigle konstruas la instruadon de gekursanoj, kiuj ekposedas la lingvon koresponde.

En la periodo januaro-februaro 1975 li okazigis interesan eksperimenton, kiu havas grandan signifon. Dezirante helpi al komencantoj pli rapide plenumi la korespondan kurson, li ofte proponas al ili plenumi la kurson en plej mallonga tempo (20-30 tagoj). Laŭ interkonsento Ella Sudareva , instruistino de la angla lingvo en la Krasnojarska Ŝtata universitato, elstudis la gramatikon kaj finis la E-kurson dum ... 20 tagoj! Ŝi plenumis ĉiujn taskojn nur senerare, bele kajjestis atestita per la poento "Kvin". Kontrolante la lingvoscion de Ella, krasnojarskaj esperantistoj B.P.Agapov kaj la aŭtoro de ĉi-artikolo decidis, ke ŝi meritas tiun poenton. Komprenante la lingvon, bone tradukante kaj legante E-on ŝi tamen bezonas parolpraktikon. Sed ni devas kompreni, ke "Esperanto parolata" estas atingebla nur per "esperantista parolado". La

La konkludo estas sola : Esperanto dum ~~3-4-semajna~~ studado estas posedebla, kaj agitado por tielmaniera studado - necesa!

V.Sapoĵnikov (Krasnojarsk)

Al ĉiuj niaj gekorespondantoj en USSR,
al ĉiuj geinteresuloj por ĉeĥaj Esperantaj libroj.

Estimataj,
lige kun la artikolo en "Heroldo de Esperanto" pri abonebleco de "Paŝoj al plena posedo" alvenis nin multaj diversaj mendoj de viaj respublikoj, kiuj interesiĝas pri la libro.
Ĉar ni eldonis sufiĉe grandan kvanton de tiu libro ĉefe por anoj de viaj Espe-ranto-kluboj, ni ankaŭ klopodis trovi eksportmanieron de tiuj libroj al vi. T i u v o j o j a m o f i c i a l e e s t a s , s e d d e p e n d a s ĉ e f e d e v i ;
La libroj, kiujn ni eldonis, estas publikitaj kaj proponataj pere de katalogo, kiun eldonas nia eksportorganizaĵo pri libroj "ARTIA PRAHA", "Ĉeŝskie kniĵky" n-ro 1/75. En tiu-ĉi katalogo oficiale estas proponitaj al la sovetia "Meĵdunarodnaja kniga"(Moskvo) Esperantaj libroj kun jenaj titoloj:

| | | |
|---|---|---|
| W.Auld. Paŝoj al plena posedo . . | Prezo | 19,-Kĉs |
| K.Ĉapek. Apokrifoj . . . . . . . . | " | 12,-Kĉs |
| P.Bezruĉ. Ŝileziaj kantoj . . . . | " | 11,-Kĉs |
| J.Nesvadba. Perdita vizaĝo . . . | " | 15,-Kĉs |
| Poŝatlaso de la mondo . . . . . . . | " | 20,-Kĉs |

Se vi mendos tiujn librojn en sufiĉe alta kvanto tra via Oblastnoj knigotorg ĉe "Meĵdunarodnaja kniga", estos espero, ke via importorganizaĵo ilin mendos ĉe ni tra nia ARTIA. Sola tiu vojo estas por ambaŭ flankoj interesa. Tielmaniere vi eĉ helpos al ni , ĉar ni povos diri, ke sovetaj kamaradoj interesiĝas pri Esperanto. Certe, eĉ tio povas bone influi je evoluo de la Esperanto-movado en nia lando, kaj ĝi estos vere internacia he-lpo, same kiel okazis kun la libro "Nuda inter lupoj" en Germana Demokratia Respubliko.
Ni ankaŭ jam eldonis novan libron"Pri la varmo", kiu estas scienca libro originale verkita en Esperanto. Tiu-ĉi libro estos anoncita en la katalogo "Ĉeŝskie kniĵky" n-ro 5/75, kiu estos eldonita verŝajne en la 6 aŭ 7 monato.
Ni kore salutas vin kaj atendas viajn informojn rilate la kvanton de mendoj pri niaj libroj.

Kore salutas vin
Zdenko Křimsky,
sekretario de ĈEA
Aprilo 1975

Ĉeĥa Esperanto-Asocio,
Jilskà 10, Praha 1, ĈSSR.
Tel. 220 262.

DE LA REDAKCIO
La letero de s-ano Z.Křimsy estas iom korektita stile de ni. Ĝi estas sendita al ni de pluraj kamaradoj el aliaj urboj. Ni estas tre dankaj al ili pro la helpopreteco. K-do V.Gakalenko aldone sendis artikolon, kiu estas publikata ĉi-sube.

## ĈU LIBROSERVO ESTAS BEZONATA?

Mi proponas organizi enkadre de SEJM libroservon havantan jenajn taskojn:
1. Kompilado de informoj pri eldonitaj kaj eldonotaj libroj en kaj pri Esperanto (kaj eksterlande, kaj enlande).
2. Starigo de kontaktoj kun eksterlandaj E-Asocioj kaj eldonejoj sovetiaj kaj eksterlandaj por konstanta informado pri eldonaĵoj, ricevado de prospektoj ktp.
3. Dissendado de anoncoj "Oni povas me-ndi jenajn librojn..." (ĉu per "A", ĉu per apartaj informleteroj) al ĉiuj E-kluboj de Sovetunio.
4. Ricevado de mendoj kaj mono de E-kluboj kaj individuoj.
5. Mendado de libroj per "Meĵdunarodnaja kniga"(Moskvo).
6. Aĉetado kaj dissendado de la libroj al la mendintoj.

Laŭ mia opinio la estraro de tiu-ĉi servo estu en Moskvo, ĉar ĝi estos plej proksime al "Meĵdunarodnaja kniga". Eblas ankaŭ havi tri filiojn de la libroservo (en Ufa, Barnaul, Doneck, ekzemple) aŭ laŭeble pli ol tri.

V.Gakalenko (Tiĥvin)

SEJM-BIBLIOTEKO

Ĉiuj fakoj de SEJM esta s firme kunligitaj. Tion-ĉi bone ilustras jena ekzemplo. En "A"-1(16) estas proponita temaro de prelegoj pri Esperanto. Kelkaj el ili eĉ ne havas indikojn (bibliografion) ĉe la Historia fako de SEJM. Kialo? - mankas laboro de la Bibliografia fako. Tamen la tutan E-bibliografion ne povas kompili unu fako. Ĉu la Poezia fako ne povas prepari bibliografion por la 18-a temo - "Bibliografio de rusaj verkoj en Esperanto", aŭ la Scienc-teknika fako - pri la 17-a temo - "Sciencaj kaj popularsciencaj publikaĵoj"? povas esti nur jesa respondo. Tial pli multe da fortoj ni devas dediĉi al bibliografia laboro, kompili tutsovetian bibliografion de E-literaturo (libroj kaj artikoloj) por SEJM-biblioteko. K-doj Cvetkova (Leningrad) kaj Kuznecov (Moskvo) planas prepari komence de 1976 bibliografion de E-literaturo de leningradaj kaj moskvaj ŝtataj bibliotekoj. Tamen sen helpo de lokaj E-istoj ĝi apenaŭ efektiviĝos.

Karaj moskvanoj, k-do Aroloviĉ, helpu al k-do Kuznecov finprepari la laboron kaj eventuale eldoni ĝin. En Leningrad ni faros ĉion eblan. Aperigo de la verko ege helpos al nia komuna celo.

Mi turnas min krome al ĉiu SEJM-ano. Elektu E-literaturon de via ŝatokupo aŭ specialeco en via kluba E-biblioteko kaj privataj bibliotekoj de niaj E-veteranoj. Preparu slipojn por la SEJM-biblioteko tielmaniere:

La frunta paĝo

| |
|---|
| La aŭtoro de verko (libro, artikolo) |
| La titolo. 1cm |
| Subtitolo, eldonejo., ⟷ eldonejurbo, jaro. |
| Kvanto de la paĝoj, ilustraĵoj ⟷ 1cm |
| La dimensio de la verko (supertitolaj donitaĵoj). |
| . . . . . . . . . |
| Bibliografio · Historio, metodiko de instruado, · terminaroj, belart. |

La dorsa flanko

| | |
|---|---|
| La originalo ĉe: | Familinomo kaj adreso |
| Mikrobendo ĉe: | " " " |
| Mendebla ĉe: | " " " |

Sur la dorsa flanko de slipo indiku ĉe kiu kaj kie estas koncerna verko (vidu la pentraĵon).

Mi kuraĝas diri, ke tiamaniere preparata sliparo estos pli riĉa ol E-bibliografio de ŝtataj kaj respublikaj kaj urbaj bibliotekoj.

Al SEJT-17 ni kunprenu la preparitajn slipojn por la E-leĝejo.

Sukcesa laboro de la Bibliografia fako instigos preparon de la temaro, helpos al altnivela agado de SEJM-fakoj, sekcioj kaj laborgrupoj.

A.Kogan (Tiĥvin)

E-AGADO EN IVANOVO

Reveninte hejmen post la somera tendaro ni tuj komencis agi. Estis faritaj pli ol 30 prelegoj pri Esperanto: en lernejoj, institutoj kaj eĉ en malsanulejoj.

Novembre en Ivanovo ekfunkciis 5 kursoj: en la universitato, en la medicina instituto, en la pedagogia lernejo, en la Palaco de pioniroj 2 kursoj kaj urba kurso en la kulturdomo de fervojistoj. Krome estis organizitaj 2 kursoj ekster Ivanovo: en la urbo Ŝuja (gvidas S.Smetanina) kaj en la vilaĝo Kamenka (gvidas L.Iljuŝina).

Interese estas, ke la kurso en la pedagogia lernejo estis fondita speciale por eksterlandanoj, kiuj tie lernas. Do, 20 reprezentantoj de Kubo kaj afrikaj landoj plezure lernas Esperanton.

La vivo de nia E-klubo estas tre vigla kaj interesa. Ni ofte havas E-vesperojn dediĉitajn al gravaj datoj kaj krom tio ofte prezentas Esperantajn programerojn en urbaj vesperoj. Ekz., en februaro al la regiona internacia tendaro apud Ivanovo venis 150 reprezentantoj de 60 landoj. Ili studas en Sovetunio. Lige kun tio okazis vespero organizita de la urba VLKSM-komitato; nia anaro kontribuis Esperanto-ekspozicion. Dum la oficiala parto de la vespero estis menciita agado de nia klubo. Pri tio oni poste elsendis per la urba radio.

Tradicie nia klubanaro estas tre vojaĝema. De septembro ĝis ĉitempo (fino de marto, - Red.) estis vizitita la Moskva E-klubo, partoprenitaj kunvenoj en la Leningrada E-klubo, Ĥarkova E-klubo, Vilniusa novjara E-renkontiĝo.

Ni havas bonajn rilatojn kun oficialaj instancoj: ni konstante kontaktas kun la obkomo de komsomolo, kun la sekretario de la urba komitato de komsomolo, ĉe kiu estas plano de nia kluba laboro. Nian klubejon ofte vizitadas prelegantoj el la societo "Scio" kaj oficialaj instancoj; oni rakontas al ni pri politika sekureco, pri batalo por la paco de eksterlanda junularo... Antaŭ nelonge ni pli profundigis ankaŭ la kontaktojn kun la Packomitato. Nun antaŭ ni staras problemo de nia oficialiĝo, ebleco jam estas.

Do ni povas diri, ke la prestiĝo de nia E-klubo kreskas kaj eblecoj por Esperanta agado plivastiĝas.

O.Graĉova (Ivanovo)

FILOKARTIA EKSPOZICIO EN KLAIPEDA

En "Vaidila" - la plej luksa kinejo de Klaipeda la 05 - 06;06;.1975 funkciis filokartia ekspozicio, dediĉita al la 30-a datreveno de la venko super la faŝismo. La organizintoj de la aranĝo estas Klaipeda Esperanto-klubo kaj la fakultato de amikeco kun popoloj de la mondo, la unuan jaron funkcianta ĉe la urba popola universitato.

En la ekspozicio estis prezentitaj 360 bildkartoj el Pollando, Ĉeĥoslovakio, Hungario, Rumanio, Bulgario kaj GDR. Antaŭ 30 jaroj tiuj landoj estis liberigitaj helpe de la Soveta Armeo el sub la jugo de la germana faŝismo. La popoloj de Eŭropo ne forgesis la internacian gloragon de la soveta popolo. Ne velkas floroj sur la tomboj de pereintaj sovetaj herooj.

Parton de la monumentoj, konstruitaj en diversaj landoj honore al la Soveta Armeo, oni povis ekvidi sur koloraj bildkartoj de la menciita ekspozicio. La eksponita materialo konvinke rakontis pri la vivo de liberigitaj landoj, pri la urboj, novaj konstruaĵoj, moroj kaj popolkostumoj. Ĉiu lando posedis enkondukan standon kun la ĉefaj sciindaĵoj, mapo kaj standardo. La folioj kun bildkartoj havis klarigojn en du lingvoj. El la standoj la spektantoj povis ekscii, ke la materialon de la ekspozicio kolektis kaj preparis homoj scipovantaj la internacian helplingvon kaj korespondantaj en ĝi kun 38 landoj.

Ekspozicio tiaspeca estis aranĝita en nia urbo unuafoje. Kaj kvankam ĝin aranĝis la amatora sekcio de BK-kolektantoj de nia klubo, ĝi strikte respondis al ĉiuj reguloj kaj postuloj de granda publika filokartia ekspozicio. Ankaŭ pro tio ĝi ricevis la protekton de la urba partia komitato kaj rikoltis amason da fervoraj reeĥoj de pli ol 70.000 vizitintoj, kiujn logis la ideo de facila interkomprenilo inter diversparolantaj popoloj. Konsiderinte la bondezirojn de spektintoj la klubo planas estonte similajn diverstemajn filokartiajn ekspoziciojn ankaŭ en aliaj publikejoj de la urbo. Pli detalajn informojn kaj konsilojn ni volonte liveros al kluboj interesiĝantaj pri nia aranĝo.

A.Vizgirdas, R.Keliuotis (Klaipeda)

## EĤOJ DE "BOATA MARŜO"

Ankaŭ ĉi-jare la Ignalinaj lagoj dum la majaj festoj ekvidis E-istojn. En la libro de renkontiĝoj estas registrita ankoraŭ unu specifa E-renkontiĝo organizita de "Juneco". La marŝon partoprenis 59 geesperantistoj el jenaj urboj: Vilnius, Klaipeda, Kaunas, Šiauliai, Kapsukas, Riga, Liepaja, Tartu. (Pro al ni ne konataj kaŭzoj ne venis reprezentantoj el Ĥarkovo kaj Leningrado.) Okazis diversaj kutimaj programeroj de la marŝo: navigado tra lagoj kaj kurbiĝantaj riveretoj, sportkonkuroj, ludoj, artaj prezentoj, kantado, fajro kaj SEJM-seminario. Laŭ la opinio de la plej multo la ĉi-jara marŝo sukcesis tre bone. La sola manko - ofta krokodilado, kio denove montras nedisciplinecon (ni ja en la informilo skribis: "Krokodiloj al ni ne plaĉas"). Tamen kelkaj klubgvidantoj ne deziris tion kompreni. Aliajn riproĉojn ni ne havas. Ĉio fluis laŭ normala torento.

Ni esprimas dankon al ĉiuj gastoj, kiuj kontribuis al la programo kaj helpis en kelkaj organizaj demandoj. Mi dankas al membroj de "Juneco" pro la sindona laboro, por ke ĉiuj en la marŝo sin sentu kiel en vera Esperantujo. Tri tagojn esperantistoj ĝuis belecon de la naturo, intimecon de sia rondo, erojn de la boatmarŝa programo. Tiom ĝenerale pri la renkontiĝo.

Pli detale mi dezirus rakonti pri la kunveno de aktivuloj. Ĝin partoprenis ĉirkaŭ 20 esperantistoj el kelkaj urboj. Domaĝe, ke ni tro malfrue ricevis la demandojn, kiujn proponis pridiskuti la komitatano de SEJM pri tendaraj aferoj. Ni deziris la pridiskutotajn demandojn enmeti en la informilon, pro tio ni mem proponis demandojn. Ili estas jenaj:

1. Kial ne multaj komencantoj fariĝas aktivaj klubanoj?
2. Celo de E-movado laŭ via imago.
3. Kial mi partoprenas aŭ ne partoprenas agadon de SEJM-fakoj?

Pro kio estas starigita la unua demando, verŝajne, klarigi ne necesas. Koncerne ĝin la aktivuloj diris jenon:

La unua kaŭzo - malalta kvalito de E-kursoj, post kiuj komencantoj ankoraŭ preskaŭ ne parolas. En klubo, kie ĉiuj pli-malpli bone parolas, komencantoj "sin ĝenas, ne kuraĝas paroli. Plejmulte post kelkaj kunvenoj ĉesas vizitadi la klubon, nur tre malmultaj la plej kuraĝaj restas por pli longa tempo.

La dua kaŭzo - E-kursoj donas al kursanoj nur unuflankan utilon. Ili iomete ellernas la lingvon, sed restas analfabetoj en la idea seco de esperantismo. La ideon al ili neniu instruas. Idea edukado ankaŭ devus komenciĝi paralele kun lernado de la lingvo. Novevenintoj al la klubo ne havas imagon pri la E-movado, ĝiaj celoj, pri la stato de E-movado en nia lando, tutmonde, pri problemoj de la Movado ktp. Kaj en kunvenoj ili ja tuj ekaŭdas parolon pri movadaj demandoj - tio estas al ili nova, ne konata, nekomprenata kaj, sekve , neinteresa. Ja tre malofte novuloj havas tiom da scivolemo por tuj ekinteresiĝi pri

pri la aŭdita. Estas okazoj, kiam la celon de E-movado oni komprenas tute false. Ekzemple, pro tio, ke nia klubo sufiĉe ofte aranĝas E-renkontiĝojn, turismajn marŝojn, kelkiuj konsideras la nociojn "esperantisto" kaj "turisto" sinonimoj. Iuj eĉ lernas E-on pro tio, ke post tio oni havu eblecon vojaĝi (almenaŭ tra Sovetio). Kelkiuj konsideras esperantistojn kiel iujn sektulojn, ankaŭ tion elvokas la specifikeco de nia movado. Por eviti tion necesas racie kompili niajn lernolibrojn. En lernolibro granda parto de materialo devus esti movada: taskoj, ekzercoj, frazoj ktp. Iom da tia materialo estas donita en la lernolibro de B.Kolker. Mi dezirus iom oponi niajn pedagogojn, kiuj atentas nur la lingvan flankon, sed forlasas la movadan. Kursano lernante la lingvon samtempe ion eksciu pri la Movado. Ankaŭ dum lecionoj, verŝajne, oni devas konstante informi al kursanoj pri la novaĵoj en Esperantujo, pri atingoj kaj sukcesoj ankaŭ pri malsukcesoj. Tio ankaŭ savus parton de forfuĝontaj komencantoj.

La tria kaŭzo - tre mallonga periodo de E-kursoj. Preskaŭ ĉie ĝi estas trimonata. Kursoj por progresantoj (daŭrigaj kursoj) ne ĉie estas praktikataj. Kaj dum ĉi-tiuj 3 monatoj oni devas ellerni iomete la lingvon kaj paralele konatiĝi kun la E-movado. Tio ne estas facila afero.

La kvara kaŭzo - nesufiĉa atento de aktivuloj al novuloj. Kutime en klubo aktivuloj estas tiel okupitaj, ke ili eĉ ne havas tempon por iom atenti la komencantojn. Sed tamen tion necesas. Oni devas parton da tempo dum kunvenoj kaj ĝenerale dediĉi al komencantoj. Des pli ke ili ne estas kuraĝaj. Oni devas ilin movi, puŝi, interesigi - doni al ili eblecon paroli dum kunvenoj, eble doni iajn negravajn taskojn, konstante informadi pri la agado de la klubo, instigi ilin korespondi kun eksterlando - unuvorte, rapide entiri ilin en la agadon de la klubo, entiri en la kolektivon.

La kvina kaŭzo - malvastaj eblecoj de praktika utiligo de E-o (nuntempe homoj estas tre praktikaj, pro la ideo ne multaj sin turmentas). Kvankam oni povas praktike utiligi E-on, tamen tio ne estas tro evidenta. Pro tio oni devas ĉiam indiki ekzistantajn eblecojn ĉi-demande: korespondado, veturado eksterlanden, faka perfektiĝo, ekkono de diversaj landoj, legado de E-literaturo, periodaĵoj ktp. De alia flanko tro praktikaj homoj dume al ni eĉ ne tre estas necesaj. Nun pli bezonataj estas aktivuloj en idea senco, sed ne en la praktika, kvankam bezono pri praktikuloj ankaŭ laŭgrade kreskas.

Ankaŭ estis menciita manko de E-literaturo, lernomaterialo, limigita ebleco aboni E-periodaĵojn. Precipe estis substrekita instigo al korespondado. La ideala varianto estus, se jam dum kurso komencantoj ekkorespondu. Tio tre instigas paŝi pluen. Pro tio necesas prezenti al komencantoj adresojn ilin interesantajn. Korespondado tamen ĉe ni estas ankoraŭ nesufiĉa.

La dua demando estis starigita pro tio, ke esperantistoj ne ĉiam povas klare kaj kompreneble ekspliki al neesperantista publiko la celojn de E-movado. Kaj tiajn demandojn oni ricevas. Ni devas esti pretaj respondi similajn demandojn. Estas proponite la ĝeneralan celon dividi je 3 celoj: 1)celo de tutmonda E-movado; 2)celo de la landa E-movado; 3)celo de loka E-movado aŭ celo de klubo. La celo de la tutmonda E-movado estas oficiala ekuzo de E-o en ĉiuj sferoj de internaciaj rilatoj: kulturaj, diplomatiaj, scienctekникaj, sportaj, turismaj, politikaj, ekonomiaj k.s. E-o devus esti oficiala lingvo de ĉiuj internaciaj organizaĵoj, kiuj en la mondo ekzistas kelkaj miloj. Ĉi-tie oni ne rajtas forgesi, ke E-o ne celas forpuŝi naciajn lingvojn, ĝi estu uzata nur en sferoj internaciaj, kie estas necesa neŭtrala lingvo. E-o estas la dua (helpa) lingvo por internaciaj ligoj, kaj enlande regu naciaj lingvoj.

Por nia lando ankaŭ jeno estas tre aktuala: E-o ne pretendas esti uzata kiel internacia lingvo inter niaj sovetaj respublikoj kaj multegaj sovetaj nacioj. Sovetunio estas unu lando. E-o pretendas nur

al sfero de interŝtataj, internaciaj rilatoj. Bedaŭrinde ĝis nun estas okazoj, kiam E-istojn oni kulpigas, ke ili volas forpuŝi la rusan lingvon kaj fari E-on lingvo internacia uzata por interrilatoj de niaj sovetaj respublikoj. Tio, kompreneble, estas granda absurdaĵo.

La landa kaj loka celoj estas preskaŭ la samaj (koncerne la tutmondan celon ili jam estas rimedoj). Tiuj estas organizo de esperantistoj, informado (propagando) pri la lingvo kaj pri la movado, instruado de la lingvo, reprezentado de esperantistoj en pli supraj instancoj (Esperantaj kaj ne-Esperantaj), fortikigo de internacia amikeco, edukado de siaj membroj en la spirito de proleta internaciismo, praktika utiligo de E-o por diversaj internaciaj rilatoj, kontribuo al la pacmovado ktp. Tiom pri la dua demando.

Koncerne la trian demandon granda parolo ne estis. Preskaŭ ĉiuj anoncis sin kiel nepartoprenantoj la agadon de SEJM-fakoj. Multaj diris, ke mankas tempo, ĉar aktivuloj estas superŝutitaj de diversaj organizaj demandoj. Aliaj ne vidas celon celon de tiu laboro. Triaj ne tre bone komprenas distinon de la SEJM-fakoj. Kvaraj malmulte scias, pri kio okupiĝas SEJM-fakoj. Do, mi devis konatigi malhonge la kunvenintojn pri la ekzistantaj fakoj kaj pri ilia agado (almenaŭ pri tio, kion ili devus fari). Sekve, la fakojn oni devas propagandi, diskonigi ilian laboron, ĉar multaj ne estas bone informitaj pri tio. Influas ankaŭ tio, ke ĝis nun fakoj atingis nenian rezulton, escepte kelkaj. Kvankam la lasta SEJM-konferenco decidis akcenti fakan laboron, tamen la stato, ŝajne, restis la sama. Do la demando restas malfermita.

Per tio la kunveno de aktivuloj finiĝis. Ĉin iom mallongigis neatendite komenciĝinta pluvo.

P.Jegorovas (Vilnius, "Juneco")

## R E V U - 1 1

Ekde la 1 ĝis la 3 de majo en la urbo Miass okazis REVU-11. Ĝin partoprenis 101 personoj el 20 urboj de Volgo-Uralio. Ĉiuj E-kluboj raportis pri sia laboro dum ĉi-jaro. Estis disputitaj demandoj pri la metodiko de E-instruado, pri tendaro. Pri nova lernolibro rakontis B.GKolker.

Por memoro pri REVU-11 la partoprenantoj ricevis librojn pri Miass kaj insignojn.

REVU-12 okazos dum la novembraj festoj en Ufa.

N.Dolganova (Sizranj)

## MEĴDUREĈENSK AKCEPTAS SIBERIAJN E-GASTOJN

Ĉi-majan renkontiĝon de siberiaj E-istoj partoprenis ĉ. 50 homoj el 4 siberiaj urboj: Meĵdureĉensk, Novosibirsk, Krasnojarsk, Barnaul. Estas ĝoinda la fakto, ke la renkontiĝo estis multnombre partoprenita de novosibirskanoj (19 personoj) kaj de krasnojarskanoj (11 personoj); Barnaul-on reprezentis 5 homoj.

La renkontiĝo pasis sufiĉe sukcese; krom E-seminario estis ankaŭ pluraj distraj eroj: bankedo, fajro, ekskurso al unu el la plej grandaj karbminejoj de la mondo Raspadskaja-1, ekskurso al malfermita karbminejo Krasnogorskij, kie okazis grimpesplorado de movebla dragmaŝino, kaj aliaj.

La E-seminario pasis en ne plej alta nivelo: dominis komencantoj, kiuj havis nenian imagon pri SEJM-problemoj, tial pridiskuto de la seminariodemandoj transformiĝis je informado pri SEJT kaj aliaj malpli gravaj demandoj.

La renkontiĝanoj agrable surprizis veno de P.M.Maslovskij, pro-

fesoro, doktoro de teknikaj sciencoj, laŭreato de Ŝtatpremio, estro de unu el katedroj en la Siberia metalurgia instituto en Novokuzneck. Li elstudis Esperanton antaŭ 50 jaroj kaj, malgraŭ ke li uzis ĝin nur koresponde, li salutis nin en nia kara lingvo - tio estis lia unua parolo en Esperanto. Lia elpaŝo estis profundimpresa kaj elvokis tondroaplaŭdojn.

Al la renkontiĝo raportis anoj de urbaj Kluboj de internacia amikeco kaj prezentis koncerterojn el diversnaciaj popolaj artoj. Ni "regalis" ilin per lumbildoj pri la pasinta tendaro kaj rakontis pri Esperanto. Aparte indas mencion la E-ekspozicio perfekte preparita de meĵdureĉenskanoj: ĝi estis tre varia, enhavis kiel pri-SEJT-ajn informojn, tiel informojn pri la tutmonda Esperanto ĝenerale kaj en abundo proponis kolorajn bildkartojn, bele afrankitajn leterojn ktp.

Iom malaltigis la ĝeneralan nivelon de la renkontiĝo foresto aŭ preskaŭ foresto de ekzerca lingvo-programo por komencantoj, kiuj estis ĉ. 80% de la partoprenantoj, sed la mastroj ne kulpas en tio.

Fine mi volas diri, ke la renkontiĝo estis organizita kun aktiva helpo de urbaj instancoj, kiuj lokigis nin en turisman bazon en pitoreska loko ĉe urborando, kaj por ĉiuj tri tagoj festaj en nia plena dispono estis ekskurso-aŭtobuso, sur kies frunta vitro estis skribita la vorto "Esperanto". Krom la amikeca varmo ni ĝuis ankaŭ sunan varmon: por la renkontiĝo la mastroj preparis tian veteron, kiu ne ofte estas en tiu tempo en Meĵdureĉensk.

Koran dankon al la gastama Meĵdureĉensk! Ĝis estontaj renkontiĝoj!

V.Ebel (Barnaul)

MALFERMO DE ESPERANTO-SOMERO

La 31-an de majo - 1-an de junio la Vilniusa junulara E-klubo "Juneco" kun helpo de gejunuloj de Kaunas organizis renkontiĝon sub titolo "Malfermo de E-somero-75". Simila renkontiĝo jam estis organizita pasintjare, kies iniciintoj estis anoj de "Juneco". La renkontiĝon plejparte partoprenis aktivuloj, kiuj veturos al la SEJM-konferenco kaj SEJT-17. Dum la renkontiĝo estis priparolita la bulteno pri la SEJM-konferenco kaj SEJT-17, disdividitaj taskoj al partoprenontoj, elektitaj kantoj por la arta programo. Vespere ĉe fajro okazis disputo laŭ temo "Eblecoj pliivigligi la E-movadon en Litovio".

Dum la renkontiĝo okazis ankaŭ disgradigo de gejunecanoj je tri gradoj laŭ aktiveco en la kluba laboro. De nun estos en "Juneco": junecano-strigo; junecano-bravulo; junecano-magistro. Kiel la unua kaj sola magistro estis elektita V.Ŝilas, bravuloj: Graĵina Grabeĵite, Marite Urbanaviĉiute, Viĉjo Bingelis, Staseo Gaidamaviĉius kaj Paŭlo Jegorovas. La ceteraj dume restas junecanoj-strigoj. Pliailtigi la gradon estas eble nur tiam, kiam kandidato al pli alta grado plenumos ĉiujn taskojn, kiujn antaŭvidas la regularo. Pli vaste pri tio estos dirita dum la SEJM-konferenco.

La renkontiĝon ni finis per ŝipa ekskurso: Litova etnografia muzeo - Kaunas.

Fermon de E-somero ni planas okazigi en komenco de septembro en la Kedainiai-distrikto.

S.Gaidamaviĉius (Vilnius)

NIN KUNIGIS AMIKECO

Amikeco kaj frataj rilatoj inter nia klubo kaj tiu de junaj esperantistoj "Malaĥita stelo" aperis ankoraŭ dum la 8-a REVU, okazinta en Miass. Tiam tjumenanoj unuafoje konatiĝis kun uralaj esperantistoj kaj ligis amikajn rilatojn kun miassanoj. Tiuj rilatoj plifortiĝis poste dum la urala kunflugo en Sverdlovsk kaj somera tutunia

tendaro. En la tendaro ni interkonsentis iĝi ĝemelaj kluboj kaj unuan fojon kunveni en nia hejmurbo.

Jen finfine venis tiu tago. La 7-an de marto Tjumenon alvenis esperantista grupo el Miass sub gvido de Ludmila Novikova, studentino de pedagogia instituto. Ni tre volis, ke nia renkonto kaj la urbo plaĉu al la gastoj. La 8-an de marto dum la solena kunsido la renkontiĝo estis malfermita. Salutparolis al 23 ĉeestantoj la prezidanto de nia klubo A.Kalaŝnikov, L.Novikova kaj en la nomo de la Salavata E-klubo - la organizinto de la unua E-rondeto en Tjumeno V.Zibenkes.

En la sama tago okazis distra vespero, kies varia programo plaĉis al la partoprenantoj. Dum la komuna koncerto ĉiu urba grupo prezentis siajn artnumerojn. Per sinceraj aplaŭdoj estis taksitaj tradukoj de modernaj kantoj kaj versoj de uralaj poetoj tradukitaj de L.Novikova.

En la sekvinta tago ni faris aŭtobusan ekskurson tra la urbo. Ĉiujn impresis la minuto de silento antaŭ la monumento al Nikolaj Kuznecov - Heroo de Soveta Unio, unu el unuaj tjumenaj esperantistoj de antaŭmilitaj jaroj, fama militagento pereinta antaŭ 30 jaroj.

Vespere dum la akompano de la karaj gastoj al la flughaveno nin ĝojigis la de iu deklamita verso Jesenin:

"Ĝis revido, kara kaj amata.
Vi, amiko, restos en la kor',
Kaj promesas la disiĝo fata
La renkonton en alia hor'."

Certe, ni ankoraŭ renkontiĝos kaj sufiĉe baldaŭ, dum la unuamaja festo en Miass.

V.Opletajev (Tjumeno)

## NIA KRONIKISTO

La 25-an de aprilo mortis persona pensiulo, merita kulturа agento de Litova SSR, gvidanto de la Historia fako de SEJM J u o z a s P e t r u l i s .

J.Petrulis naskiĝis la 25-an de aprilo 1904 en la vilaĝo Rudikiai (regiono Kupiŝkis, Litovio). Jam en la junaĝo li ekinteresiĝis pri etnografio, kiu poste iĝis lia profesio.

E-lernolibron li trafoliumis en 1919, sed serioze li eklernis nur en 1923 kaj baldaŭ funkciigis en la vilaĝo E-kurson. La agado en "Kultura rondeto (tiuj troviĝis sub influo de komunistoj) formis liajn demokratajn konceptojn.

La jaroj 1926-33 pasis en prizonoj. Kial? - Influita de Internacio de militrezistado (ĝia organo "La militrezistano" aperadis en la lingvoj Esperanto, angla, germana, franca) li rifuzis militservi en la armeo.

J.Petrulis, homo de riĉa animo kaj de vastaj interesoj, trovis pri kio okupi sin. Li kolektis dialektismojn por Vortaro de litova lingvo, tradukis litovlingven la romanon de J.Baghy "Viktimoj", propagandis la lingvon.

Esperanta "movado" en malliberejoj tiam estis vigla ofte eĉ impeta, precipe en medio de politikuloj. J.Petrulis konatiĝis kun kleruloj, kunlaboris kun komunistoj (la sekreta korespondado funkciis en E-to). Dum la jaroj 1930 en Panevejis, 1932 en Ŝiaulisi en karceraj ĉeloj li instruis la lingvon... La prizonoj estis por li universitato, kie li estis samtempe studento kaj profesoro.

Post la liberiĝo J.Petrulis sinokupis pri muzea laboro; ekspedicioj paŝe kaj bicikle, ordigo de ekspoziciaĵoj, surpaperigo de rememoroj de maljunaj popolmajstroj. Dum la faŝista okupado li kun siaj amikoj helpis fuĝadon el getto, diskaŝis la muzeaĵojn. Postmilite li gvidis unu el fakoj de la Etnografia muzeo de la Akademio de Sciencoj.

Kiel esperantisto k-do Petrulis revigliĝis en la jaro 1955-a. Li daŭre registris kaj sistemigis dokumentojn de la Movado (lia biblioteko ampleksas pli ol 600 titolunuojn). J.Petrulis estis elektata estrarano de Vilniusa E-klubo. Li estis unu el ne multaj "onkloj", kiuj en la decida 1967-a jaro sciis aprezi la pozicion de SEJM, esperantisto, kiu ĉiam interesiĝis pri la agado de la se amurba junulara E-klubo "Juneco" kaj simpatiis al ĝi. Lastjare k-do Petrulis ekgvidis la novfonditan Historian fakon de SEJM kaj penis aktivigi esperantistojn por kolekto, studado kaj prilaboro de la movadaj dokumentoj.
Kun la ferire de k-do Petrulis SEJM perdis sian aktivan subtenanton kaj amikon.

V.Ŝilas (Vilnius)

## I n f o r m o j * A n o n c o j * P e t o j * S c i i g o j

Ĉi-jare estis la unua provo de centraliza dissendado de "Aktuale", pri kio respondecas la unua v/p de SEJM D.Cibulevskij (310024 ĤARKOV-24, str. Ĉajkovskogo-25, ĉ.11). Bv. laŭ ĉi-adreso sendi respondojn al jenaj demandoj:
1.Ĉu regule vi ricevadis la bultenon (ne malutilus sendi la datojn de la ricevo)?
2.Ĉu oni ĉiam skribis la adreson sur la sendaĵoj korekte aŭ estis iaj eraroj?..
3.Kiuj numeroj de "A" estas ricevitaj, kiuj mankas?..

D.Cibulevskij

* * *   * * *   * * *

A l  ĉ i u j  S E J M - s u b t e n a n t o j !
Kiu ne pagis la subten-kotizon por la periodo 1974/75 ne plu ricevados la bultenon.

* * *   * * *   * * *

Novaj subtenantoj - aldonu en SL:
Tartiŝev Eŭgeno, 610000 KIROV, Truda 13-4.
Ĉernov Vladimir, 248000 KALUGA, Poĉtamt, do vostrebovanija.

* * *   * * *   * * *

En studenta scienca societo de Vilniusa Ŝtata universitato anstataŭ kursa laboro estas verkita kaj defendita scienca laboro laŭ temo "Internacia jura statuto de Universala Esperanto-Asocio". La aŭtoro estas studento de la 2-a kurso de jura fakultato Paŭlo Jegorovas. La scienca gvidanto: prof. d-ro P.Kuris. Taksita "tre bone".

En la libro "Meĵdunarodnije nepravitelstvennije organizacii. Spravoĉnik" sur la paĝoj 188-189 estas paĝa informo pri UEA. La libro estas eldonita en 1967 en la eldonejo "Nauka". Kelkaj donitaĵoj estas malnoviĝintaj.

En la revuo "Nauka i ĵiznj" N&4 ĉi-jara sur la pp. 102-107 estas artikolo "Kak samomu pridumatj jazik" kun mallonga informo pri E-o.

P.Jegorovas (Vilnius)

* * *   * * *   * * *

Fine de marto estis prezentita por la tutsovetia konkurso de studentaj sciencaj verkoj verko de L.Novikova je la temo: "Apliko de Esperanto por etimologia analizo de internaciaj vortoj dum lecionoj de la rusa lingvo". En aprilo ŝi elpaŝis kun prelego pri la sama temo dum la scienca studenta konferenco de la Urala regiono, kiu okazis en la Ĉelabinska pedagogia instituto.

L.Novikova (Miass)

SALAVATT

La Salavata Esperanto-klubo estas jam plene oficialigita. Ĝi havas statuton konfirmitan de la urbkomo de VLKSM, stampilon, rondan sigelon, konton en banko.
Dum la jaro la klubo akiris ĉ. 375 poentoj enkalkulante ankaŭ la partoprenon en la eldoneja kampanjo.

* * *   * * *   * * *

VILNIUS

La prezidanto de la onkla E-klubo estante en Moskvo vizitis k-don Berjoza, kiu diris, ke li atendas la antaŭmendojn por la revuoj "Paco" kaj "Hungara vivo". La kluboj povas aboni en lokaj Sojuzpeĉatj tioman kvanton, kioman ili antaŭmendas. Do skribu al SSOD: 103009 Moskva K-9, pr. Kalinina,14, Berjoza Anatolij Vasiljeviĉ.

* * *   * * *   * * * *

NOVOSIBIRSK

En marto en NIIGAiKo dum du semajnoj funkciis ekspozicio "Internacia kunlaboro de esperantistoj". La ekspozicio prezentis mapojn, turismajn skemojn kaj prospektojn.de diversaj landoj, kiuj estas senditaj al la Esperanto-fako de POP.

La 29-30-an de marto la E-fako organizis renkontiĝon kun teatrovizito por siberiaj esperantistoj.

O.Andrianova (Novosibirsk)

* * *   * * *   * * *

Vilniusa E-klubo "Juneco" havas sufiĉe grandan kvanton de E-insignoj "BOATA MARŜO". Kolektantoj povas mendi ilin ĉe: Graĵina Grabeĵyte, Vilnius-232009, Basanaviĉiaus, 26-2, Litovio. Partoprenontoj de SEJT-17 la menciitajn insignojn povos akiri en la tendaro. La prezo - 65kop.

S.Gaidamaviĉius (Vilnius)

Redaktis V.Ebel

Redakcio: 656099 BARNAUL-99,
abon.k. 11,
"Aktuale".